2.ª Ep. AÑO IV, N.º 22 (158) NOVIEMBRE-DICIEMBRE 1966




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# MADRID, KONGRESURBO POR 1968

Madrid, bela scenejo por la 53ª Universala Kongreso de Esperanto atendas vin.
La hispanaj esperantistoj estas pretaj por efektivigi tiun gravan kunvenon,
kiu tutcerte estos neforgesebla evento.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.º ZARAGOZA

Redacción y Administración:

Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Sekretariino:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.

Ĉekkonto: n.º 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## De Secretaría

Deseando editar de nuevo el DIRECTORIO de los miembros de la Federación, me dirijo a todos los federados y en especial a los Grupos, pidiendo su colaboración.

Cada Grupo deberá preparar y remitir a esta Secretaría, una relación por orden alfabético, de los miembros individuales de la Federación pertenecientes a su localidad.

Las listas deberán estar escritas a máquina a doble espacio. Para facilitar el trabajo y para evitar errores, ruego a todos los federados que pasen por el Grupo de su localidad para comprobar si aparece su nombre en la lista y si su dirección está exacta.

Los miembros de localidades donde no hay Grupo, si desean hacer alguna rectificación en sus direcciones, deberán notificarlo a esta Secretaría.



DONATIVOS RECIBIDOS PARA BOLETIN

| | | | |
|---|---|---|---|
| | | Suma anterior | 5785 pts. |
| I. Calahorra | Madrid | | 95 » |
| M. Ruiz Maza | Madrid | | 20 » |
| | | Suma | 5900 » |

ĜOJAN KRISTNASKON

KAJ

FELIĈAN

NOVAN JARON!

# ĜOJIGA SCIIGO KAJ GRAVA TASKO



Elektita nia lando de la estraro de U.E.A. kiel ejo de la 53-a. Universala Kongreso de Esperanto kaj aprobita de la Hispana Registaro tian kunvenon, nia ĝojo —kiu, certe, estos la ĝojo de ĉiuj niaj samideanoj— estas granda, grandega. Post multaj jaroj —tre malproksima jam tiu 5-a. Universala Kongreso okazinta en Barcelono—, esperantistoj de la tuta mondo kunvenos, denove, en Hispanujo, en frata rondo, «sub la sankta signo de l' Espero».

Granda ĝojo sed, ankaŭ, grava tasko kiun ni devos plenumi por ke la Universala Kongreso de 1968 estos digna ĉenero en la brila ĉeno de la lastaj universalaj kunvenoj.

Samtempe ke ni sciigas al ĉiuj tiel plaĉan kaj ĝojan noticon, ni petas ankaŭ al ĉiuj ilian kontribuon, nun, pere de la propagando en iliaj respektivaj regionoj, kaj poste, en Madrido, por helpi nin en nia grava entrepreno.

En la nomo de H.E.F.
*Miguel Sancho Izquierdo*
Prezidanto

Kun granda sukceso oni celebris la ĉijaran Renkontiĝon, kiun eventon de kelka tempo diligente organizas la Esperanto-Kluboj de la provinco Barcelono. Jam frumatene svarmis ĉe la akceptejo, kie ili ricevis la insignojn kaj ceterajn dokumentojn, gesamideanoj alvenintaj el diversaj foraj urboj. La esperantistan aranĝon malfermis katolika meso kun bela prediko en Esperanto fare de Patro Manuel Casanoves C.M.F. Poste venis la vico al inaŭguro de strato Zamenhof, kies nomtabulon malkovris la Urbestra Moŝto, S-ro Angel Falqués, kiu diris tiuokaze koncisajn sed trafajn vortojn de laŭdo kaj admiro por la aŭtoro de Esperanto kaj ties fidela adepto, la loka Zamenhofano S-ro. Nicomedes Ullar. Kun danko respondis al li en objektiva kaj tre simpatia paroladeto, D-ro. Miguel Sancho Izquierdo, Prezidanto de Hispana Esperanto Federacio. Tuj sekve, ĉe preme plena salono de kinejo «Coliseum» samideano Ramón Molera Pedrals, Ĉefa Delegito de Universala Esperanto Asocio en Hispanio, majstre prelegis sin helpante per frapaj diapozitivoj pri sia vojaĝo al Budapesto, kie li ĉeestis la Universalan Kongreson de Esperanto 1966. Finiĝinte la entuziasma aplaŭdo per kiu la publiko premiis lian intervenon, jam aŭdiĝis ekstere la unuajn muziksonojn de la anoncita Koncerto de Sardanoj. Grandaj «rondoj familiaj» tuj formiĝis, speciale kiam la Koblo 1) ludis la esperantistan komposicion kiu estis daŭre dancata kun fervoro eĉ de pluraj veteranoj.

...Popoloj vokas jam

«Sabadell Esperantista»-Sardan'

Ke l' homoj diverslandaj

Kundancu man' en man'...



Pasis la tempo, ĉesis la muziko kaj alvenis la agrabla horo de l' «Frata Kun manĝado», kiun ĉeestis ĝuste 169 gesamideanoj en plenplena salono de la tiea Kazino. Post la kunmanĝado, kiun prezidis la urbestra Moŝto kaj lia edzino kune kun la Prezidanto de H.E.F. kaj ceteraj reprezentantoj, samideanoj Luis Serrano kaj Gabriel Mora Arana recitis proprajn poeziojn, kaj samideanoj Liberto Puig kaj Francesc Vilá deklamis verkaĵon de Sabadell-ano S. Esteve omaĝe al S-ro Ullar kaj la poezion «Mia Penso» de D-ro Zamenhof.

*REMEMORO*

Salutante ĉeestantojn
rejuniĝas mia kor'
Rememori samtempanojn...
preskaŭ krevas mi en plor'.

En ĉi tiu vilaĝeto
samcelanon konas mi;
nomo estas tre konata
de fremduloj kaj de vi

Kiam pensas en juneco
mi, pri mia amikar',
tiu nobla konatulo
estas Vi Sinjor' ULLAR.

*S. Esteve*

En la Renkontiĝo de San Feliu de Codinas.

## Ŝipa karavano al Tel-Aviv

S-ro René Llech-Walter, prezidanto de U.F.E., iniciatis, kun la helpo de agentejo en Perpignan, krozadon al Universala Kongreso de Tel-Aviv.

La gesamideanoj kiuj ne ŝatas vojaĝi aviadile povos ĝui la plezuron de ŝipa veturado.

Sur la ŝipo okazos kursoj por komencantoj, konversaciaj kursoj, interesaj prelegoj, koncertoj, kino, dancoj, k.t.p.

La boato foriros el Marsejlo la 25-an de julio kaj revenos ĉe la sama haveno la 16-an de aŭgusto.

Oni antaŭvidas haltojn en Napolo, Ateno, Cipro kaj diversajn ekskursojn en Israelo.

Detalajn informojn sendos S-ro Llech-Walter, 5, quai Vauban 66, Perpignan (Francujo) kontraŭ respondkupono.

## PREMIO «COMELLA-BASSOLS» - Oka Konkurso



VERDIKTO

La Juĝanta Komisiono por la Premio COMELLA-BASSOLS havas la honoron sciigi ke laŭ la plej alta atingita voĉdonado, la konkursaĵo MILITA DANCO gajnis la Premion.

La aŭtoro estas Váña Vladimir, el Ĉeĥoslovakio.

Koran gratulon al li kaj multan dankon al ĉiuj partoprenintoj.

CLELIA CONTERNO, LLUIS MIMO, N. MACPERSON kaj FRANCESC VILA, Sekretario.

Tial ke la «sekrete» planita omaĝo al geedzoj María Lenker kaj Nicomedes Ullar ne povis efektiviĝi dum la poezia festeto pro malsano de S-ro. Ullar, oni vizitis ilian hejmon. En mallongaj sed neniam forgeseblaj momentoj du belaj samideaninoj liveris al la esperantista paro florbukedon kaj Esperantan libron respektive. Poste, S-ro. Conrado Berghänel, germana esperantisto, nome de la veteranaj amikoj de S-ro. Ullar, kaj D-ro. Miguel Sancho Izquierdo en la nomo de la tutlanda esperantistaro diris belajn vortojn en omaĝo al la simpatia paro, por kiu antaŭ multaj jaroj, Esperanto fariĝis «edzperanto».

Tiel finiĝis la VIII-a Esperantista Renkontiĝo de la Provinco Barcelono.

Por la IX-a kiu probable okazos la venontan jaron en la turisma urbo Calella de Mar, jam nun, oni preparas demarŝojn...

*V. Hernández Llusera*

(1) Muzikistaro speciala por ludi Sardanojn.

# DUA LERNEJA KONFERENCO

Kiel anoncite, de la 23.ª ĝis la 28.ª de julio okazis en Graz (Aŭstrujo) la Dua Konferenco de Lernejoj en kiuj Esperanto estas instruata. Ĝin partoprenis 145 geinstruistoj kaj pedagogoj el 20 landoj de Eŭropo, Azio, Ameriko kaj Aŭstralio. Prezidanto estis D-ro. Ivo Lapenna kaj aganta prezidanto D-ro. J. Régulo Pérez.

Prezentis raportojn D-ro. Ivo Lapenna (Britujo) pri la «UNESKO-projekto de Asociiĝintaj Lernejoj», D-ro. Mario Dazzini (Italujo) pri la «Nuntempa situacio de Esperanto-instruado en diversaj landoj», S-ro. Raif Markarian, E. R. D., M. A. (Britujo) pri la «Eduka valoro de la Esperanto-instruado en la lernejoj» kaj D-ro. Humphrey Tonkin (Usono) pri «Organizo de la lerneja junularo».

En tri komisionoj kaj du plenaj sesioj oni diskutis la raportojn kaj trastudis diversajn dokumentojn rilatantajn al la temoj.

La Konferenco konstatis ke la lernantoj de Esperanto, akiras pro ĝia logika strukturo, multe pli rapidan scion de la lingvo, ol la lernantoj de kiu ajn fremda lingvo, kio kapabligas ilin praktike uzi la lingvon por internaciaj kontaktoj jam en la komenco de ĝia lernado; kaj esprimis sian rekonon al ĉiuj geinstruistoj de la Internacia Lingvo en la Lernejoj, al la Konsulta Komisiono pri Lernejoj de U. E. A. kaj de la Internacia Esperanto-Ligo de Instruistoj, kaj ĝenerale al ĉiuj instancoj, kiuj en diversaj formoj estas interesitaj pri la Esperanto-instruado en la lernejoj.

La Konferenco deklaris sian plenan apogon al la Projekto de Asociiĝintaj Lernejoj kaj esprimis sian gratulon al UNESKO, al la Naciaj UNESKO Komisionoj, al la Edukaj Instancoj de landoj en kiuj la Projekto estas aplikata kaj al ĉiuj Lernejoj en tiu Projekto partoprenantaj.

En sia konkluda rezolucio, la Konferenco rekomendis al UNESKO kaj al ĝiaj naciaj komisionoj plej atente konsideri la avantaĝojn kiujn donus la enkonduko de Esperanto en ĉiujn aŭ parto de Asociiĝintaj Lernejoj.

Agrablaj laborkondiĉoj helpis por okazigi la Konferencon en tre plaĉa medio, la partoprenintoj ne nur devis labori, la Konferenca Komitato organizis eksterkonferencajn aranĝojn, kiuj interrompis la laboron sen ĝeni ĝin. Meritas specialan mención la akcepto en la urbodomo.

Graz, Aŭgusto 1966.

# I. O. E. KUNVENIS EN PRAGO

Inter la 25.ª kaj 29.ª de julio okazis en Prago la Unua Laborkonferenco de Internacia Instituto por Oficialigo de Esperanto (I. O. E.). La aranĝojn ĉeestis meznombre kvindeko da personoj.

Oni diskutis ĉefe pri la metodoj por enkonduki Esperanton en la diversaj kampoj de internacia aktiveco. Estas decidite plifortigi la kampanjojn en turismo kaj en sporto, kaj iniciati similajn agadojn inter pluraj sociaj organizoj kaj en kelkaj sciencoj, kiel ankaŭ ligite al tio, en pluraj internaciaj kongresoj kaj konferencoj.

La reto de kunlaborantoj, kiu jam superas 300, rapide pligrandiĝas. Kunlaboro estas jam starigita kun deko da lokaj societoj, du landaj kaj du regionaj komitatoj kaj tri fakaj asocioj. Ili ĉiuj akceptis uzi la kampanjan metodon por pli rapida enkonduko de Esperanto en la praktikan vivon.

Por apogi la kampanjon en turismo, I. O. E. decidis fondi komercan entreprenon Esperanto-Turismo. Dum la venonta somero okazos I. O. E.-seminario por prepari profesiajn kaj amatorajn laborantojn por la realigo de la komunaj celoj. Estas rekomendita la disvastigo de la moderna aŭdvida struktura metodo, kaj pli vasta diskonigo de «vojaĝpremiaj kursoj».



**Niaj pioniroj...**

# Rafael Fiol Paredes

Ju pli la tempo pasas, despli klare oni komprenas la senĉesan strebadon de tiuj meritindaj samideanoj kiuj kun favoraj aŭ nefavoraj cirkonstancoj ĉiuloke propagandis la lingvon kaj senlace antaŭenpuŝis la movadon.

Ilia laŭdinda tasko restas en ĉies memoro kiel neforgesebla ekzemplo por la nuntempaj generacioj. Plej alta premio al iliaj penoj estas kune, streĉe kaj man' al mano agadi en efika kunlaboro.

Al tiu honora grupo apartenas Samideano Generalo Rafael Fiol Paredes kun kiu hodiaŭ ni plezure parolas.

Li naskiĝis la 5 an de Aprilo 1891. La naskiĝloko estis Ceuta, hispana urbo en Norda Afriko; pro ĝia speciala situacio, tiu urbo, sufiĉe ofte ricevas viziton de turistoj, ĝia haveno estas ampleksa kaj agrabla la klimato, pro la mara proksimeco.

En la jaro 1905, S-ro. Fiol Paredes ekstudis medicinon en Sevilla.. Kvin jarojn poste, en 1910, li konatiĝis kun Esperanto kaj ekde tiu tempo li estis entuziasma propagandisto de la lingvo. En 1912 fininte sian karieron, li estis milita kuracisto kaj pro tio li multe vojaĝis tra la tuta Hispanio kaj Maroko. La vojaĝoj estis profiteblaj okazoj por disvastigi la lingvon en ĉiuj lokoj kaj rondoj. Ankaŭ li estis delegito de U.E.A. kies membrecon li akiris en 1910.

Malgraŭ ke li apartenas al Veterana Klubo li ĉiam estas preta helpi per la konsiloj de sia longa sperto. Speciala rekomendo por la junuloj estas ĉiam labori pacience, por iam atingi la celon de la Majstro kiel estas ĉies deziro.

Jen la respondoj al niaj demandoj:

1.—*Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?*

Mi estis studento de Medicino en Sevilla dum la jaro 1910. Mi legis en iu gazeto, anoncon de propaganda parolado pri internacia lingvo «Esperanto»; mi iam aŭdis ion, pri Volapŭk, sed nenion pri Esperanto. Kurioze, mi ĉeestis la paroladon de la neforgesebla, lerta pioniro, arkitekto, Trinidad Soriano, kiu dediĉis sian vivon al Esperanto, propagante kaj klarigante kursojn de la lingvo; tre interesita, mi trovis en la ejo, kamaradon nomita Jeronimo Casarrubios kaj kune, komencis la sekvantan tagon la kurson klarigita de S-ro. Soriano.

De tiam, mi estis tute ligita al nia Lingvo, ĉarmita de ĝia beleco, de ĝia fleksebleco, kaj ravita de la profunda senco de la Interna Ideo.

2.—*Kiu estis la ĉefa faktoro, kiu instigis vin lerni Esperanton?*

La kurioseco pri la «afero»; mi ĉiam estis amanto de lingvoj (mi parolas france kaj germane; mi sufiĉe konas anglan kaj araban; ankaŭ mi bone komprenas kaj tradukas portugalan lingvon). Tial, la ideo de universala interkomprenilo, entuziasmis min.

3.—*Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de Internacia helpa lingvo?*

Se du viroj ne povas paroli, neniam povos interkompreni iliajn ideojn kaj pensojn. Same; la popoloj, la nacioj, bezonas paroli por sin kompreni kaj ami. Do, la granda bezono de internacia lingvo. Ĝis kiam ĉiu mondano, povus paroli kun alia, el malsama lando, per Esperanto, ne estos PACO inter la homaro.

(daŭrigas p. 9)

# KRISTNASKA PREMSONĜO

«Kristnasko!! Kristnasko! Noktomeze ni estos denove je Kristnasko!» Kial tiuj nomo kaj festo vekas tiom da tremĝojo kaj emocio? Mi ne kapablis komprenadi...

La noktiĝo venis meze de timiga frosto kaj glavtranĉa venteto, sub serena firmamento, kie amasiĝis metalecbrilaj steloj. Malgraŭ la severa vintro, paco kaj trankvilo ŝvebis en la ekstera vilaĝa medio laŭ ĝojo plenmontrita de svarmanta loĝantaro. Mi aŭdis homamasan bruon, kaj el strato oni vokis min. Singarde mi malfermis fenestron. «Ĉu vi bonvolas veni kun ni» —konatulo diris. «Kredu nin: ĝuste je la dekdua, okazos miraklo, nome la birdaro trile kantos; la plantoj kaj arboj floros kaj burĝonos; printempa medio regos, kaj, mirinde, ni povos eĉ adori Jesuon ĉe stalo. Disradianta stelego montros al ni la vojon!»

Mi respondis ĝenate, iom maltrankvile: «Ne, ne; mi ne povas, ĉar hodiaŭ mi multe laboris, kaj tial mi nun estas tro laca. Krome, mia vespermanĝo surtable jam malvarmiĝas. Eble, morgaŭ matene mi povos iri. Jes; matene». Dume, mi aŭdis malican voĉon kiu konsilis: «Ne malŝparu salivon invitante lin; ne priinsistu avarulon kaj solulon». Sed mi simulis ne aŭdi... «Se vi lastmomente decidiĝas, ne forgesu kunporti almenaŭ etan donacon por la Knabeto», ankoraŭ iu avertis min, dum mi fermis la fenestron.

Tro laca, vere, mi ne sentis min; sed en la hejmo estis allogaĵoj: varma hejtforno, ĵus preparita vespermanĝo, radioricevilo —ĉiam parolanta pri malpaco kaj katastrofoj—, mola lito... kaj, super ĉio, mia foresto pri spirita ĝojo. Kiam la forno iom malvarmiĝis, mi eniris en la dormoĉambron. (Antaŭtempe, en plimulto da katalunaj hejmoj, je kristnaskonokto, antaŭ la enlitiĝo, oni vigligis kamenfajron, por ke la Dipatrino, se bezone, povu sekigi kaj varmigi la vindojn de la Bebo).

Jam post kelktempa dormado, vekis min gajaj kantoj kaj babilado de la revenantaj vilaĝanoj. Matene, ne tre frue, mi ellitiĝis kaj decidis iri serĉi la Stalon, por iom trompe kredi min mem homo pia. Solece, kiel kutime, mi eliris. La tago montriĝis, almenaŭ por mi, griza kaj malgaja. Sed, kien mi devos iri? Mi plendis: «Se almenaŭ la Kristnaska Stelo lasus konstantan spuron mi trovus la vojon!». La prujno, kvazaŭ neĝtavolo, kovris tutan pejzaĝon. Neniu persono estis videbla, kaj baldaŭ mi jam laŭiris nekonatajn vojojn. Subite, mi spertis grandan surprizon, ĉar sub sovaĝa rozujo, kaj inter branĉimplikaĵo, mi vidis multnombrajn falintajn petalojn. Jes, ho strange, ĝi floris dumnokte! Jes, jes; poste mi rimarkis ke en preskaŭ ĉiu vegetaĵo, frostovelkigitaj floretoj estis videblaj. Mi ankaŭ vidis, ke sur ĉiu arboverto, birdo mute staris, eble, antaŭ ol foriri, post la meznokta kolektiĝo kaj kantado honore Jesuon. Jen, perdriko, pigo, merlo, aglo, kukolo, kardelo, alaŭdo... Emocie tiam mi rememoris la kortuŝan melodion de la kataluna «Kanto de l' Birdaro», kantitan antaŭ kripoj, eĉ de mi, dum mia infanaĝo.

Antaŭen mi iradis, sen orientiĝo, tra nekonataj lokoj. Tomba silento plenigadis vastan nerealan mondon. Strange, neniun personon mi vidis. Nu, se almenaŭ mi malkovrus postsignon de tiu magia Stelo, por ke mi povu trovi ĝustan vojon, sed...! Tiam mi jam komencis bedaŭri, ke pasintan nokton, kiel kutime, mi estis egoisme kaj maldece nesociema.

Pli kaj pli, mi jam perdis nocion pri forpasinta tempo; mi jam paŝadis en obsedo —laca, deprimita, meze de homdezerta kamparo. Sed, hura! Ĉe malproksimo mi ekvidis kamparanon kiu ŝpatis kulturgrundon malmoligitan de la glacio. Mi alkuris pridemandi lin: «Ĉu vi scias kie situas la Stalo en kiu pasintan nokton oni povis adori Jesuon?» Sed li, severmiene kaj senhalte rigardante la terbulojn, respondis malĝentile: «Mi scias nenion pri tio. Ĝis malfrue, hieraŭ mi laboris; hodiaŭ, Kristnasko, ĝis malfrue mi laboros; mi ĉiam devas labori: nenio interesas min». Mi foriris kaj kompatis... min mem, ĉar mi preskaŭ aŭdis mian propran voĉon prezentantan mian kutimcelan sintenadon.

La kamparo jam aspektis arkta, kaj mi ekapetitis. Baldaŭ mi neelteneble malsatis, maltategis, kaj pli kaj pli mi sentis malvarmon. Mi jam tute ne kapablis trovi reirvojon, kaj el flanksako mi prenis ion por manĝi, el tio, kion mi jam ne

bezonis kaj rifuzis hejme, kaj donace mi volis oferdoni al Jesuo, ĉar mi opiniis: «Bienuloj, potenculoj, riĉuloj, estas nur tiuj, kiuj estas devigataj disdoni karite. Karito ne devigas malriĉulon».

Mi mordis sekan panrestaĵon, kaj post unua gluto, pli ŝirmorda malsato konvulsiigis mian stomakon. Post dua, mi svenis kaj falis teren. Eble pasis pluraj horoj, kaj mi glaciiĝis. Venis nokto, sen steloj kaj sen la mistera kaj magia Stelo. Mi ŝajne kapablis aŭdi, sed mi havis okazon aŭdi nenion. Mi nur perceptis fizikan kaj spiritan dolorojn, sed ne batadon de mia koro. Mi nur murmuretis ripete: «Kial mi ne volis kuniri?»

Post eterneco mi aŭdis fortan plurhoman paŝadon kiu alproksimiĝis. Oni malkovris min... «Ŝajne li estas jam mortinta, jes, mortinta...» Ankoraŭfoje mi aŭdis: «...mortinta..., mortinta...».

*Gabriel MORA ARANA*

# UNUIĜINTAJ NACIOJ

La 6-an de oktobro oficiala delegacio de Universala Esperanto Asocio transdonis en Novjorko al la Vic-Sekretario de la U.N. por la aferoj de Ĝenerala Asembleo, S-ro. C. V. Narasimhan, Proponon pri solvo de la lingva problemo, pere de Esperanto. La Propono estis subskribita de 920.954 personoj el 74 landoj kaj 3.843 organizaĵoj kun entute 71.165.000 membroj.

S-ro. Narasimhan anoncis, ke la Propono estos submetita al la Ĝenerala Asembleo ankoraŭ dum la nuna sesio.

Prezidis la delegación, Prof. D-ro. Ivo Lapenna, Prezidanto de U.E.A.



4.—*Kion vi —spertulo— konsilus al la esperantista aro por plivigligi kaj pligrandigi nian movadon?*

Unue, bone lerni la lingvon: paroli flue; babili ofte kun aliaj samideanoj; multe korespondi kun fremduloj de la tuta mondo; due, fari konstantan propagandon de la idealo de universala lingvo, kaj de la interna frata idealo. Ĉiam klarigi ke Esperanto estas *helpa lingvo*, sen celo de nuligi la naciajn lingvojn.

5.—*Post via longa vivo esperantista, kian mesaĝon vi transdonus al la nuntempaj esperantistoj?*

Dum 56 jaroj de esperantismo, mi ĉiam propagis per kursoj, amikaj paroladoj, artikoloj en revuoj kaj gazetoj hispanaj kaj fremdaj, nian lingvon. Estas necese lukti kontraŭ la nescio kaj la ridetoj de la popola opinio; kontraŭ kiuj konsideras «utopianoj» al esperantistoj, per amikaj klarigoj pri la aktuala disvastigo de la lingvo en la tuta mondo kaj la utileco de ĝia akcepto de la Nacioj kiel helpa lingvo. Certe, de tiuj babiladoj rezultos la ŝanĝo de opinio de l' kontraŭulo. Ĉiam propagi; uzi la lingvon, kiel plej eble; apliki ĝin por praktikaj aferoj (komercaj, propagandaj, sciencaj, turismaj, k.a.); montri la rezultojn al amikoj; kaj fine fondi lokajn grupojn.

## Cuentas presentadas por el Dr. Tudela, correspondientes a 1963-64

*Resumen de cuentas* 1963 — *Valencia*

| | | |
|---|---|---|
| Cobrado ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 53.532,35 | Ptas. |
| Coste de libros ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 43.018,45 | » |
| Beneficio ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10.513,90 | » |
| Gastos generales ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 6.321,05 | » |
| Beneficio líquido ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 4.192,85 | » |

De este beneficio la Federación recibió un tercio, del cual ha tenido que pagar 381 pesetas que tenía pendientes Libroservo de H.E.F. con STAFETO desde 1962. Por lo tanto el beneficio cobrado por la Federación, correspondiente a 1963, asciende a 1.016,61 pesetas, de las cuales 672,20 pesetas fueron ingresadas en Caja a final del año 1963, figurando el ingreso «a cuenta», en las cuentas generales de dicho año; el resto recibido posteriormente ha sido ingresado en Caja.

Las 2.795,25 pesetas restantes quedaron en beneficio del Libroservisto, según acuerdo de la anterior Directiva.

*Resumen de cuentas* 1964 — *Valencia*

| | | |
|---|---|---|
| Cobrado ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 54.600,— | Ptas. |
| Coste de libros, emblemas, etc. ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 41.340,— | » |
| Beneficio ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 13.260,— | » |
| Gastos generales ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 5.126,75 | » |
| | 8.133,25 | » |
| A deducir de fac. 1704, de 4 junio 1964, que se ha pagado a STAFETO ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 3.348,— | » |
| Beneficio líquido ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 4.785,25 | » |

Este beneficio ha ingresado en Caja de la Federación.

*Resumen de cuentas de Libroservo* 1965 — *Zaragoza*

| | | |
|---|---|---|
| Cobrado de libros ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 61.181,10 | Ptas. |
| Pagado de libros ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 50.526,99 | » |
| Beneficio ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10.654,11 | » |
| Gastos generales ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 878,45 | » |
| Beneficio líquido ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 9.775,66 | » |

Este beneficio ha ingresado en Caja de la Federación.

*INES GASTON — NICOLAS L. ESCARTIN*

## ✱ Ni legis por vi...

*FRISAJ RAKONTOJ EN ESPERANTO, el diversaj aŭtoroj. 184 paĝoj. Paperbindita. Prezo, 120 ptoj.*

Originale verkitaj en frisa lingvo kaj tradukitaj en esperanton de diversaj bonegaj esperantistoj, ĉi tiuj rakontoj pruvas unue la taŭgecon de la internacia lingvo por meti antaŭ la atenton de la tuta mondo la literaturon de regionaj lingvoj.

La temoj de la rakontoj estas variaj, kaj tamen plej abundas tiuj pri la ĉiutaga vivo en la nederlanda regiono Frislando.

Notiĝas iagrada unueco de stilo inter la aŭtoroj, kiu sendube respegulas la reciprokan influon inter verkistoj uzantaj la saman regionan lingvon. Tio okazas speciale en rakontoj pri la frisa kampara kaj apudmara vivo, kie ne nur la stilo, sed ankaŭ la temo kaj la konstruo de la rakontoj ŝajnas planitaj sur similaj linioj.

La traduko estas unuaklasa, kaj interesa Enkonduko de nia karmemora S. S. de Jong prezentas la kompilon kaj koncize informas pri la frisa lingvo kaj la motivoj puŝantaj la tradukintojn prezenti ĉi tiun regionlingvan rakontaron al la tutmondaj esperantistoj.

Motivoj, kiuj meritas nian varman aplaŭdon, tute aparte de la pozitiva valoro de la rakontoj. JES

*OSLO.—Broŝure faldita informilo pri la ĉefurbo de Norvegujo. Eldonita de: Turisttrafika Asocio de Oslo kaj ĉirkaŭaĵo.*

Dukolore presita sur bonkvalita papero kun alegoria desegno en la kovrilo kaj belaj fotoj en la internaj paĝoj.

La teksto en korekta Esperanto prezentas panoraman bildon de ĉiuj vizitindaj lokoj kiuj ekzistas en la urbo. Samtempe klarigas per kiaj rimedoj oni povas organizi ekskursojn al la ĉirkaŭaĵojn aldonante ilian tempodaŭron.

Ankaŭ oni eksplikas la veturilojn kiujn oni povas uzi, loĝejojn, k.t.p.

Entute alia bela propagandilo redaktita en la internacia lingvo.

La broŝuro estas senpage ricevebla de Klubo Esperantista en Oslo, Boks 942, Oslo 1, Norvegujo, sed bonvolu sendi respondkuponon por la afranko. Por unu respondkupono oni povas sendi maksimume 12 ekzemplerojn.

*IOE GAZETO.—Organo de Instituto por Oficialigo de Esperanto.*

Mi ricevis la tri unuajn numerojn de tiu interesa eldonaĵo. Sen ia dubo la stilo kaj enhavo estas tute originalaj, kaj rimarkinda la metafora formo de multaj artikoloj.

La temoj tute certe, estas aktualaj; ĉiuj ili meritas specialan atenton kaj por la nuna momento kaj por la venonta evoluo de la movado.

Tre interesa por la amatora leganto estas la turisma same kiel la sporta fako kaj ties informado precize klara.

La formato estas simila al grandaj esperantistaj revuoj, kaj dekdupaĝa.

Mi gratulas la eldonistojn kaj deziras al Gazeto plenan sukceson.

Kiel aboni.—La abonprezo estas 2 usonaj dolaroj aŭ egalvaloro, kiun oni sendu al S-ro. Hans G r o s s m a n n, Poststr. 2, CH-2500 BIEL. Svislando. Por Jugoslavio 15 novaj dinaroj, kiujn oni sendu per ĉeko al lá ĉekkonto 601-8-579 «Nova Vojo» Beograd. Cetinjska 32. *A. Salete*

*VOJAĜO INTER LA TEMPOJ.—K. Kalocsay. 55ª volumo sub la marko STAFETO, eldonisto J. Régulo, La Laguna (Tenerife), 1966. 197 paĝoj. 16 x 22 cm. Prezo 144 ptoj.*

Denove mi ĝojas pro la lasta eldono de «Stafeto», tiel zorge prezentata kaj senmakula, kiel ĉiam.

Nun, mi ne volas, nek pretendas malkovri tiun ĉi majstran verkon de K. Kalocsay. Li, kiel hungaro ne influata de simpoziisma aŭ antisimpoziisma flanko kaj, krom tio, pro sia vasta escepta poligloteco, estas ĝuste tiu, kiu kapablas alporti senpartian lumon al la daŭra disputado pri la estanta kaj estinta participoj.

Li klare montras tion, kio estas vere internacie akceptebla aŭ ne. Pravigas, malaprobas kaj multfoje rimarkigas la diferencojn, kiam la nuancoj estas tiel subtilaj ke ili preskaŭ samsignifas.

En «Vojaĝo inter la tempo» oni povas analizi la diversajn opiniojn de multaj el niaj plej bonaj lingvistoj kaj ties ekzemplojn, ne bezonante studi aŭ legi la tutan vastan maron da verkoj kaj artikoloj ĝis nun aperintaj en Esperantujo.

Por tiuj, kiuj deziras perfektigi sian scion pri nia lingvo mi rekomendas la verkon, ĉar «Vojaĝo inter la tempo», pro la multaj ekzercoj kaj diversaj opinioj, vere instruas. Ĝi esploras la du

ĉefajn specojn de verboj, imperfektivaj kaj rezultativaj, klarigas la Ata-formojn kiel komencita-nefinita ago kaj la Ita-formojn per agofina signifo, kiel ĝenerale Zamenhof ĉiam faris kaj kies ekzemplojn ĝi defendas, klarigante dubojn kiam ili ŝajnas nekorektaj, ĉu pro miskompreno de verboj de daŭra ago kiuj postulas ATAn, ĉu kiam la ago ne daŭris plu ĉar ĝi jam plenumiĝis kaj nepre bezonas ITAn kaj ankaŭ kiam ĝi povas deveni el penseraro, preseraro aŭ malbona traduko el iu ajn lingvo.

Certe ke, kelkaj verboj, laŭ la vidpunkto, povas esti rigardataj kiel de daŭra ago aŭ ne kaj tio kreas malsamajn opiniojn; ankaŭ la perfektiveco de la verboj nature perfektivaj ne estas absoluta.

Eble, la duspeca uzo de la pasivo ne tro vokas la atenton de la esperantista plimulto. Ili eĉ ne konscias pri tio, tial ke, tre ofte, ambaŭ sistemoj postulas la samajn formojn kaj nur en relative malmultaj kazoj ili diverĝas, ne kolizias. Tiam oni povas bone klarigi la ĝustan signifon de la frazo, pere de helpvortoj... ek, ek de, fine, ad, preta, jam, jus, post, ankoraŭ, k.t.p. kaj ankaŭ per alia esprimmaniero.

La kialo kuŝas en tio, ke la signifo estu, laŭ eble, simpla kaj klara.

Entute, estas malfacile eviti la influon de la nacia lingvo, eĉ inter bonaj, tre bonaj esperantistoj.

La verko, en plej objektiva formo, instruas kaj orientas.

*J. Devis*

SENNACIECA REVUO.—Nova Serio, nº 94. Jaro 1966. Eldonis kaj redaktis S.A.T., 67 Avenue Gambeta, Paris 20. Prezo: 0,90 dolaroj aŭ egalvaloro.

ANTVERPENO atendas vin.—Tre interesa turisma broŝuro kaj plano, eldonita de Servo por Turismo, Pelikaanstraat 6, Antverpeno (Belgujo).

INTERNACIA FOIRO. — Kvarlingva prospekto pri la Internacia Foiro okazonta en Budapest de la 19-29 de Majo de 1967.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (U. E. A.)

*Al tiuj, kiuj ne estas individuaj membroj de U.E.A.*

Estimataj kaj karaj gesinjoroj,

Vi scias, ke, estante membro de landa Esperanto-organizaĵo aliĝinta al U.E.A., vi estas membro de U.E.A. Tio signifas, ke vi apartenas kaj subtenas la mondan Esperanto-movadon. Pro tiu via membreco vi havas la rajton uzi la servojn de la delegitoj de U.E.A. Vi povas skribe peti informon el iu ajn eksterlanda urbo, kaj la delegito tie estas devigata respondi al vi. Ankaŭ survoje en eksterlando vi povas, ĉu buŝe, ĉu telefone, peti informojn de delegito, kaj tiu volonte donas ilin. Kion signifas tiu ebleco, mi la subskribinto ofte spertis.

Sed por uzi la servojn de delegito vi devas pruntepreni jarlibron de UEA de iu, kiu estas individua membro de U.E.A., ĉar vi, kiu nur pere de la landa organizaĵo estas membro de U.E.A., ne havas tiun jarlibron kun la nomoj kaj adresoj de delegitoj.

En la landa Esperanto-gazeto vi certe povas legi iom pri la internacia Esperanto-movado kaj la internaciaj agadoj kaj okazintaĵoj, sed la landa gazeto kompreneble nur parte povas enhavi ilin. Se vi vere deziras eluzi la eblecojn, kiujn vi kiel scianto de la Internacia Lingvo Esperanto havas, necesas, ke vi abonu la revuon «Esperanto» kaj havu la jarlibron de U.E.A. Tio signifas, ke vi devas fariĝi membroabonanto (MA) de U.E.A.

En 1967 la kotizo por MA de UEA estas 400 ptj. (por fariĝi MA de UEA vi nur sendu tiun monon al la ĉefdelegito, kiu estas S-ro. Ramón Molera Pedrals, Santa Joaquina, 13. Moyá (Barcelona).

Ĉiuj estraranoj de UEA ĝojos pri via aliĝo kiel individua membro, kaj mi, estrarano de U.E.A. pri financoj, ankoraŭ iom pli, ĉar estas klare, ke preso de ekzemple 1000 pliaj jarlibroj kaj 1000 pliaj ekzempleroj de la revuo ne multe plialtigos la elspezojn de U.E.A., kaj ke do per pli da individuaj membroj U.E.A. povas solvi siajn financajn problemojn.

Leganto de tiu ĉi artikolo, mi vin antaŭe bonvenigas kiel individua membro de U.E.A.!

*E. J. Woessink, estrarano pri financoj de U.E.A.*

## NEKROLOGO



### Vicente García Ifarte

Iom prokraste ni ricevis sciigon pri forpaso de nia agema kaj veterana samideano Vicente García Ifarte, kiu finis sian vivon post subita rapida malsano, en Tarrasa je la 71ª jaraĝo.

Li estis esperantisto jam de la jaro 1913ª kaj li multe laboris por nia idealo en kaj for de lia urbo. Dum ekskurso al insulo Ibiza li esperantigis la paroĥestron el vilaĝo San Mateo; do, dank' al li Esperanto floradis en tiu bela insulo.

Plej multo el la sukceso je la Hispana Esperanto Kongreso okazinta en Tarrasa dum 1951, oni ŝuldas al li.

Al lia familio ni esprimas nian sinceran kondolencon.

KE LI PACE RIPOZU

### Fernando Soler Sempere

Post longa malsano forpasis en Valencia, la 17-an de Oktobro, Fernando Soler Sempere.

*Filo de nia* elstara kaj altestimata samideano S-ro Fernando Soler y Valls —aŭtoro de Esp.-gramatiko «El Esperanto al alcance de todos»—, estis kune kun siaj gefratoj Conchita kaj José fervora posteulo de la idealoj de sia patro.

Al ties familio ni esprimas nian plej sinceran kaj elkoran kondolencon.

---

Cuando teníamos preparada esta triste noticia para su publicación en "Boletín", nos llega otra nueva, a través de un telegrama de nuestro Presidente honorario, doctor Herrero, que puso frío en nuestras venas y lágrimas en nuestros ojos: el fallecimiento de su hermana Conchita.

Cuantos hayan conocido a tan simpática y agradable criatura como era **CONCHITA SOLER**, con su temperamento expansivo y alegre que contagiaba facilmente a cuantos con ella trataban, comprenderán lo que decimos y compartirán nuestros sentimientos de dolor.

Ante el ya cercano Congreso Universal de Madrid, todos pensabamos en ella y esperabamos de ese su temperamento y de su entusiasmo por el Esperanto una valiosísima cooperación. Desde el cielo lo contemplará y desde allí nos ayudará con su valimiento cerca de Dios para que nuestros esfuerzos tengan éxito.

PACAN RIPOZON AL ILI

---

El recuerdo de los vivos constituye en este mundo, la segunda vida de los que murieron.

Quien quiera conservar a su lado al que se ausentó, guarde su recuerdo y recréese en el. Con ello se sentirá acompañado del ausente querido.

# DOS NUEVOS GRUPOS DE H. E. F.

En San Sebastián, la bella capital de Guipúzcoa, ha sido fundado el Grupo «DONOSTIA ESPERO», cuya Directiva está integrada por los siguientes señores:

| | |
|---|---|
| Presidente: | D. Quintín Villagrán Rodao |
| Vicepresidente: | D. Francisco Múgica Mendiburu |
| Secretaria: | Dña. María Ignacia Arruti Etulain |
| Tesorero: | D. Ricardo Metauten Fernández |
| Vocales: | Srta. María Dolores Plazaola Ozcoidi |
| | D. Martín Aranguren Barbarín |
| | D. José Manzanal Renedo |
| | D. Juan José Ibarrola Gorrochategui |

Durante nuestro Congreso celebrado en Bilbao, todos pudimos comprobar el entusiasmo de nuestros compañeros donostiarras, cuya actividad en pro del Esperanto ha venido manifestándose durante el año, por los cursos del idioma internacional que han explicado en su domicilio social; cursos que han vuelto a empezar, ahora ya , divididos en curso para principiantes y curso de perfeccionamiento.

Les deseamos muchos éxitos en su labor.

El Grupo «DONOSTIA ESPERO», está instalado en: Grupo Escolar «Almirante Oquendo», Falda de Ulia, San Sebastián.

Con el nombre de ASOCIACION DE FERROVIARIOS ESPERANTISTAS MADRILEÑOS, ha sido creado en Madrid un nuevo Grupo-delegación de HISPANA ESPERANTO FERVOJISTA ASOCIO, sección de la Federación Española de Esperanto. El Grupo ha quedado establecido en los locales de la División de Obras Sociales y Asistenciales de la RENFE, calle Méndez Alvaro, 1, Madrid.

La Junta Directiva de este nuevo Grupo, ha quedado constituida por los siguientes señores:

| | |
|---|---|
| Presidente Honorario: | D. Jaime Miró Giner |
| Presidente: | D. Tomás Ortiz García |
| Vicepresidente: | D. Santiago Vidal Margalef |
| Secretario: | D. Ramón Munera Moya |
| Vicesecretario: | D. Mariano Añibarro |
| Tesorero: | D. Francisco García Albarán |
| Vocal 1.º: | D. Inocencio Blanco García |
| Vocal 2.º: | D. Simón Sebastián Sotoca |
| Vocal 3.º: | D. Francisco Ramos Rodríguez |
| Vocal 4.º: | D. Juan Luis de Silva |

Todos sabemos de la actividad de nuestros compañeros y del éxito alcanzado por ellos durante el pasado año, con motivo de los Cursos de Esperanto que para ferroviarios y sus familiares se explicaron. Como vino anunciado en el pasado número de BOLETIN, este año han inaugurado sus actividades con un nuevo curso del idioma internacional que esperamos sea un nuevo éxito.

Y como final, queremos manifestar públicamente el agradecimiento de la Federación Española de Esperanto, a don Ramón Pedrosa, Jefe de la División de Obras Sociales y Asistenciales de la RENFE, por su apoyo no sólo al Movimiento Esperantista Ferroviario, sino al Movimiento Esperantista en general.

## Cursos de Esperanto

### GRUPO «FIDO KAJ ESPERO»

El día 7 de octubre, en el domicilio social del Grupo «FE Y ESPERANZA», de Valladolid, comenzó con asistencia de dieciséis nuevos alumnos, un curso elemen-

tal de Esperanto.

En primer lugar, el ex-Presidente y Directivo de HEF. señor M. Cantalapiedra, habló en español sobre Esperanto y su autor el genial Dr. Zamenhof aclarando algunas ideas básicas sobre el idioma internacional. El discurso del señor Cantalapiedra fue premiado con muchos aplausos. Posteriormente presentó al Profesor del Curso, señor Castañón, Presidente del Grupo.

Con el fin de informar al público sobre el Esperanto y su aplicación en diversas ramas se organizó en uno de los salones del domicilio social una pequeña exposición que fue muy del agrado de los visitantes a quienes se distribuyó diversas hojas informativas y de propaganda.

Informes del curso de esperanto aparecieron en todos los periódicos locales, pero entre ellos debo mencionar el reportaje que publicó DIARIO REGIONAL el mismo día de la inauguración, gracias a la visita que un periodista del citado periódico hizo al domicilio social. Visita que aprovechamos para conseguir una sección mensual bajo el título «EL MUNDO DEL ESPERANTO».

*L. Hernández*

---

El Grupo Esperantista de Valencia ha organizado dos cursos, uno a cargo del profesor Dr. Rafael Herrero, para principiantes y otro de perfeccionamiento por D. Juan Devis.

D Rafael Vizcaino organizó una exposición acerca de Esperanto en el G° Escolar CERVANTES, que fue inaugurada por el Sr. Director del G° Escolar con un magnífico discurso.

---

El Grupo Esperantista de Sabadell ha comenzado un curso de Esperanto en los locales de la Caja de Ahorros, bajo la dirección de D. José Borda

---

En la Asociación Vegetariana de Barcelona, se ha empezado un curso de Esperanto. Las clases están a cargo del Prof. D. Jaime Aragay Pujols.

---

Mi kolektas Esperanto-revuojn kiuj aperis en Hispanujo: LA SUNO HISPANA, GAZETO ANDALUZIA, KATALUNA ESPERANTISTO, HISPANA ESPERANTISTO, IBERIA ESPERANTO-REVUO, k.t.p. Mi aĉetos aŭ interŝanĝos. Skribu al: S-ro. R. Molera, Sta. Joaquina, 13 - Moyá (Barcelona).

---

## XXVIII[a] Hispana Esperanto Kongreso

La estraro de H.E.F. en interkonsento kun la zaragozaj esperantistoj decidis okazigi la XXVIII-an Hispanan Kongreson de Esperanto de la 18-a ĝis la 23-a de julio 1967.

# UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

Konsulta Komisiono
Pri Lernejoj

Al la Prezidanto de U. E. A.
Ĝenerala Sekretario de U. E. A.
Membroj de la K. K. L.
P-7-66 S-ro Bakker.
la 2-an de Novembro, 1966

*Féderation internationale des organisations de correspondance et d'échanges scolaire. F.I.O.C.E.S.*
*Aliĝpeto de la K.K.L. de U.E.A. okaze de Kongreso de F.I.O.C.E.S. en Madrid* 27-29-*a de Oktobro*, 1966
*Reprezentanto de la K.K.L. ĉe la Kongreso*: D-ro Jesús Liaño Pacheco, Esploranto en la Instituto Arias Montano de la Instituto Superior de Investigaciones Científicas, kiu raportas jene:

«Efektive, dum la unua tago mi senhezite parolis al s-ro Lajti (dum la tuta pritraktado dujara, simpatia al nia aliĝpeto-RHMM) kiun mi trovis helpopreta al nia aliĝpeto. (S-ro L. estas la Admin. Sek. de FIOCES). S-ro Damanty (Ĝen. Sek.) malgraŭ la antaŭjuĝoj kiujn li ŝajne vidas pri la Internacia Lingvo, tamen konsideras UEA logike aliĝenda al FIOCES. Ili ambaŭ avertis al mi, ke inter diversaj ŝanĝoj projektitaj en la Statutoj, tiu de la Artikolo 5a celas al nia aliĝo.

Mi ankaŭ kontaktis sinjoron Vidaeus, Prezidanto de FIOCES, kaj sinjoron Van Veelo, kiu ĵus ricevis de s-ro Bakker skribraporton pri la pluraj agadoj de TEJO.

Post la unua kongresa kunveno, en kiu ĉiu el ni sin prezentis al la kongresanaro, geedzoj Flint, el Britujo, propravole salutis min, kaj sciigis sian ĝojon pro la ĉeesto de UEA. Ambaŭ portis surbruste la verdan stelon.

La 28-an matene, por akceligi la disvolvigon de la programo, oni petis min koncize sciigi la kongresanaron pri la aliĝpeto kaj la agado de UEA en la lerneja kaj junulara kampo. Mi faris tion kiel eble plej rapide laŭ la samaj punktoj kiel en la dokumentaro sendita de s-ro Markarian. (Oficiala aliĝpeto en la angla lingvo). Tuj poste, s-ro Tesdell, reprezentanto de la 'Association for World Travel Exchange, New York' helpis la aferon, klarigante, ke li estas certa, ke Esperanto trapasas limojn, kiujn ne penetras la kutimaj rimedoj por interŝanĝo. Ankaŭ gesinjoroj Flint proklamis fiere antaŭ ĉiuj, ke ili estas Esperantistoj de antaŭ kvardek jaroj, kaj sustrekis, ke Esperanto estas lingvo facile lernebla kaj vere taŭga por ebligi la homan komprenon inter la popoloj.

Vespere fine okazis la oportuna balotado per kiu UEA estis *unuanime* akceptita kiel nova asociita membro. Neniu voĉdono estis abstina aŭ kontraŭa. Invitita de la Prezidanto, mi dankis pro la unuanimeco de la balotado kaj aŭguris feliĉan kunlaboradon de UEA kaj FIOCES en iliaj komunaj celoj.

Oni ŝuldigis min aranĝi la sendadon de ekzempleron de la Statutoj de UEA en Esperanto kaj kun traduko francen kaj anglen.»

*D-ro. J. Liaño Pacheco*

---

## INTERNACIAJ SEMINARIOJ

*de Germana Esperanto-Junularo*

Honora Direktoro: profesoro D-ro. Ivo Lapenna

Sekretario de la Konstanta Komitato:
Uwe Joachim Moritz, Hafenstr. 75, 44 MÜNSTER, Germanio

---

10ª INTERNACIA SEMINARIO okazonta de la 27-12-66 ĝis la 3-1-67 en la moderna, apud-laga kaj preskaŭ urbo-centre situanta junulargastejo de MÜNSTER (Vestfalio).

TIP. C. BOLOIX - REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D L. Z. 375 - 63